TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

ESTRARO DE TEĴA:

**Prezidanto** – Walter Haberl, Radio Wien, Esperanto-redakcio, ORF, Poŝtfako 700, A – 1041 WIEN, Aŭstrio.

**Vicprezidantoj**: Ivan Keremidĉiev – Esperov, 1680 SOFIA, kv. Borovo, bl. 219, vĥ. B, Bulgario.

Nikolaj Danovskij, Latvia SSR 226614, RIGA – 14, ul. Ostrovskogo 4 –4, USSR.

Tadros Megalli, D-8387 ROSENBACH, Untergrabandorf, FRG.

**Ĝenerala sekretario** – Donĉo Ĥitrov, 1000 SOFIA, ul. Ĥan Asparuĥ 61, Bulgario.

**Sekretario-kasisto por la okcidentaj landoj** – D-ro Dino Fabris, Borgo Bossano 5, CITADELLA (Padova), Italio.

**Membro de la estraro** – Olaf Thormodsen, Box 59, 595501 HAUGESUND, Norvegio.

Red. „INTERNACIA ĴURNALISTO"

Adreso: Ĉefredaktoro - Ivan Keremidĉiev – Esperov, 1680 SOFIA, kv. Borovo, bl. 219, vĥ. B, Bulgario; tel. 56-58-77

Redaktoro: Nikola Aleksiev
Stile redaktis: M. Elenova
Korektis: J. Keremidĉieva

ENHAVO DE N-RO 2 – 1987



Sur la unua kovrilpaĝo: **Palaco de Kulturo kaj Scienco en Varsovio konresejo de la 72-a Jubilea Universala Kongreso de Esperanto**

Karaj gekolegoj ĵurnalistoj, publicistoj, redaktoroj! La Estraro de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio sciigas al vi, ke en Varsovio dum la 72-a Jubilea Universala Kongreso de Esperanto okazos ankaŭ la regula kunveno de TEĴA. Bonvolu atenti la sciigojn, afiŝojn, alvokojn de la Estraro de TEĴA, per kiuj ĝi avertos vin pri la tago, horo kaj salono, kie okazos nia kunveno. Bonvolu serĉi tiuokaze ankaŭ la ĉefredaktoron de „Internacia Ĵurnalisto" Ivan Keremidĉiev-Esperov.

Bonvolu nepre ĉeesti la TEĴA-kunvenon dum la 72-a UK en Varsovio!

---

**Karaj TEĴA- kaj ILEF-anoj! Por pli riĉenhava kaj interesa «INTERNACIA ĴURNALISTO» aktive kunlaboru per diversspecaj ĵurnalismaj materialoj. Ni atendas Viajn kontribuaĵojn. Antaŭdankon!**

SONU PLI POTENCE NIA LINGVO!

La centjara jubileo de Esperanto skribos unikan ĉapitron en la historio de nia lingvo.En ĉi tiun ĉapitron ankaŭ ni, ĵurnalistoj, havas sian lokon. Ja por ni estas alireblaj la amaskomunikiloj - gazetoj, radio, televido.

Bulgaraj membroj de TEĴA faris la unuajn paŝojn en tiu direkto. Utiligante siajn kontaktojn inter la diversaj gazetoj kaj ĵurnaloj, ili publikigis artikolojn, intervjuojn. Ekz. "Rabotniĉesko delo" (eldonkvanto 800 mil ekzempleroj) publikigis trikolonan intervjuon, semajna gazeto "Paraleli" dediĉis kvar grandajn paĝojn al la jubileo (eldonkvanto 300 mil.ekz.). Ampleksa intervjuo aperis en semajna gazeto "ABC".Ankaŭ la gazeto de la granda metalurgia entrepreno apud Sofio publikigis du intervjuojn kun konataj geesperantistoj. La distriktaj gazetoj en Razgrad, Tirnovo, Vraca, Botevgrad, Plovdiv kaj aliloke dediĉis paĝojn al nia glora jubileo. Sur ties paĝoj veteranoj kaj aktivuloj rakontis pri sia peresperanta agado por interamikiĝo kaj defende al la paco.

Oni konstatas, ke la ĝisnuna laboro estas farita nur de malmultaj kolegoj. Pluraj Teĵanoj silentas.

Ni estas certaj, ke ankoraŭ multaj gazetoj kaj ĵurnaloj volonte publikigos materialojn pri la jubileo, se oni faros la necesajn proponojn, se prezentos al la redakcioj interesajn artikolojn, eseojn, intervjuojn, rakontojn pri la internacia agado de la esperantistoj. La jubilea jaro estas unika okazo por aktiva agado sur kampo de ĵurnalismo. Fari tiun ĉi jubileon memorinda, dependas multe de ni, ĵurnalistoj.

Cent jarojn lingvo internacia Esperanto! Ja tutan jarcenton ĝi sonadas milde kaj belkante, arĝente kaj ore, kolere kaj paceme. Se ni volas, ke ĝi sonu ankoraŭ pli potence kaj alloge, ni riĉigu la ĉapitron pri la centjara jubileo per novaj publicistaj faroj!

Ĥ.M.Ĥrima

Interparolo kun la prezidanto de la pola parlamento
ROMAN MALINOVSKI
LA ALTA PROTEKTANTO DE LA 72a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Demando: Sinjoro Prezidanto, kio kaŭzis, ke vi akceptis la honoran protektantecon de la 72a Universala Kongreso, ĉu vi rimarkis en Esperanto valorojn, kiuj igis vin akcepti la protektantecon?

Respondo: Mi pensas, ke estas multe da valoroj. Doktoro Zamenhof, kreante Esperanton, kiu ja estas lingvo tre simpla, trovis adeptojn en la tuta mondo. Li iniciatis ne nur la movadon de lingvouzantoj, sed ankaŭ de la homoj, konsciaj pri la bezono de globskala interkompreniĝo.... Mi pensas, ke Esperanto, la agado de esperantistoj - ĉio ĉi kreas ankaŭ la eblecon firmigi en la tuthomara memoro tiujn valorojn de la kulturheredaĵo de la tuta homaro...

Demando: La strebado al kunlaboro konsistigis la vivovojon de Doktoro Zamenhof, kiu, samkiel vi, naskiĝis en Bjalistoko. Ĉu ĉi-tiu fakto de la deveno el la sama urbo ankaŭ influis vian decidon akcepti la honoran protektantecon?

Respondo: Mi jam diris al la kolegoj, kiam ili venis al mi kun la propono akcepti la honoran protektantecon de la kongreso, ke la ĉefa premiso de la decido enestas en la esenco mem de la E-movado, kiu kreas kondiĉojn por pli bona interkompreniĝo, kunlaboro. Alia premiso estas la fakto, ke ni estas samurbanoj. Mi ne konis lin persone, ĉar mi ne povis koni,sed kun la personeco de Zamenhof mi kvazaŭ kreskis kaj maturiĝis kaj ĉi tiu personeco akompanis min ekde la junaĝo, ĉar li estas tre konata en Bjalistoko. Mi povas diri, ke ni ĉiuj estas fieraj pri tio, ke Zamenhof devenas ĝuste el Bjalistoko... Mi estas sub la granda impreso de la kruelaĵoj de la Dua Mondmilito en Bjalistoko, kiu kaŭzis grandan tragedion por la getto en ĉi tiu urbo. La getto okupis duonon de la urbosurfaco. En Bjalistoko estis multe da poloj juddevenaj. Mi memoras, ke v-

erŝajne en la unua tago de la komenciĝo de la Dua Mondmilito estis detruita per bomboj la bialistoka sinagogo. En Bialistoko loĝis tiutempe multe da juddevenaj poloj... Parolante pri la martireco de la juda loĝantaro ni ofte menciis la varsovian getton, malpli ofte - la bialistokan, sed ja tie, en Bialistoko la batalo daŭris plej longe. Tio estis batalo tre ege heroa. La germanoj eĉ estis devigitaj uzi, mi memoras ĉi tion, tankojn, aviadilojn por rompi la rezistadon de la defendantoj de la getto.... Mi plu memoras tiujn scenojn, kiam el la getto oni forkondukis homojn, virinojn, maljunulinojn, infanojn, kiam oni amasigis ilin ĉirkaŭe de la stacidomo sub la eskorto de armitaj soldatoj kaj hundoj, kaj sekve oni enpuŝis ilin en vagonojn por transportado de brutoj. La transportojn oni sendis al la koncentrejo Treblinka. Ĉion ĉi mi vidis per la okuloj de impresiĝema infano... Tio ankaŭ estis premiso, kiu igis min akcepti la honoran protektantecon de la kongreso en la 100-jariĝo de la lingvo, kreita de bialistoka kuracisto...

- Bialistoko estas ligita kun Zamenhof, mi - kiel persono, naskiĝinta en ĉi tiu urbo, kaj ankaŭ honora protektanto de la kongreso - ravas pri tio, ke Bialistoko fariĝu Mekko por la esperantistoj de la tuta mondo. Pro tio mi pensas, ke okaze de la kongreso estus pripensinde starigo de internacia fondaĵo kiu efektiviĝus tie elkonstruon de internacia esperantista centrejo je la nomo de Zamenhof, kio estus omaĝo al la kreinto de Esperanto, kiu centrejo servus al la esperantistaro de la tuta mondo...

... Oni devas paroli pri rapida progreso de Esperanto... Mi kredas, ke la vasteco de la medioj utiligantaj Esperanton, povas alkonduki al la rekono de la lingvo ankaŭ en la diplomatio, en UNO, en internaciaj organizaĵoj, kiel unu el la laborlingvoj...

Post respondoj de aliaj demandoj, fine la Prezidanto diris: Mi volus direkti al ĉiuj esperantistoj miajn tutkorajn bondezirojn. Mi volus deziri, ke la kongreso, kiu okazos en Varsovio, bone servu al la plua universaligo de la lingvo,kiu

kreas globskale la plej larĝajn kaj plej plenajn eblecojn de interkompreniĝado, kaj ke samtempe ĉi tiu renkontiĝo kontribuu al la kunkreado de la klimato de interkompreniĝo kaj kunlaboro kaj ankaŭ fido en la tuta mondo. Tio estas tre bezonata por forigi la endanĝerigojn, kiujn la nuntempa mondo portas, sed ankaŭ por krei la klimaton servantan al ĉiuj ĉi agadoj kaj iniciatoj, kiuj estos aparte valoraj por la paca sorto de la tuta homaro.

Intervjuis: Andrzej Pettyn

Noto: La intervjuon oni aŭdigis en la E-elsendoj de Radio Polonia la 28an kaj 29an de marto 1987. En "I.Ĵ." ĝi estas tre koncizigita.

---

Canko Murgin

GAZETO "LA MONDLINGVISTO"
/Daŭrigo de "I.Ĵ." - n-ro 1/

"La enhavo de la "Triumfa Poemo" pri la renkonto de Lia Reĝa Moŝto Ferdinand I-a, reĝo de la bulgaroj dum lia unua eniro en Sofion la 10an de aŭgusto 1887, estas verkita de mi pro la persona insisto de Zaĥari Stojanov (bulgara nacirevoluciulo, ministro kaj verkisto-historiisto - k.m.: C.M.),sed ĝi estas naŭza de tiam ĝis nun en ĉiu rilato kaj el ĉiu starpunkto. Mi ege bedaŭras la fakton kaj mi rifuziĝas de unufoje jam diritaj de mi vortoj, sed kion fari, la epoko ĝin postulas, car venis epoko malbona, pli malbona ol dum la turka jugo. La homoj atendas senpacience la horon kaj la minuton de sia morto natura, nur ke ili ne enfalu en la... " (Nigran Moskeon, malliberejo kun ekstreme severa reĝimo por politikaj kontraŭuloj - k.m.: C.M.)[10].

Evidente M.Bogdanov aludas ĉi-tie pri la amasa teroro, kiun la registaro de ministro-prezidanto Stefan Stambolov aplikis abrupte kontraŭ siaj politikaj kontraŭuloj en la periodo 1887-1894. Stefan Stambolov estis adepto de aŭstria

kaj ĝenerale de Okcidenta influo en Bulgario, kaj lia administracio kruele persekutis siajn kontraŭulojn - la rusamantojn, malliberigante ties gvidantojn kaj aktivulojn. Ĉar la funkciantaj malliberejoj ne sufiĉis oni konfiskis iun moskeon en Sofio kaj ĝin transformis en malliberejon. Tiam la popolo kromnomis ĝin Nigra Moskeo kaj ĝi fariĝis sinonimo de malliberejo kun severa ordo por la politikaj malliberuloj[11].

La numero dua de "La Mondlingvisto" estas maldika, 10-paĝa kajereto. Ĝi enhavas nur tri materialojn: ĉefartikolo, la "Plena Gramatiko de Lingvo Internacia" kaj danko de M.Bogdanov al la publiko. La ĉefartikolo denove estas verkita en formo de letero al la legantoj kaj presita en paralelaj tekstoj - Esperanta kaj bulgarlingva. Ĝi okupas du paĝojn (55 kaj 56), kaj tekstas jene:

Sofio, 11/23 Decembro 1889

Karaj amikoj!

En mia batalo por nia sankta afero mi turnas min kun peto al ĉiuj veraj amikoj de la lingvo "Esperanto" kaj mi esperas, ke Vi ne rigardos sen partopreno mian malfacilan laboron kaj ne lasas min fali, sed oferos ame al mi manon de helpo.

Amikoj! En Viaj manoj sin trovas nun la sorto de afero de grandega graveco! Se vi donos al mi Vian helpon, tiam nia afero estas gajnita kaj la homoj eterne benados la finon de la XIX centjaro.

En la nomo de bono de l' homaro, kiu estas egale kara por mi kaj por Vi, mi esperas Vian helpon, kiun Vi alportos al mi, se ĉia amiko de nia afero gajnus nur ok abonantojn por mia gazeto "La Mondlingvisto" kaj Plena Lernolibro por la mondlingvo de D-ro Esperanto.

Kun kora saluto mi restas Via plej humila:

M.S.Bogdanov,
redaktoro de "La Mondlingvisto"
kaj prezidanto de la "Klubo
Esperantista"[12].

Tiu verko de M.Bogdanov ankaŭ havas duoblan signifon

por la originala Esperanta literaturo, kreita de bulgaroj. De unu flanko ĝi estas la dua verko en epistola belliteraturo kaj de alia flanko ĝi okupas lokon de ĉefartikolo - sekve apartenas al originala ĵurnalisma literaturo en Bulgario. Samtempe tiuj leteroj (en n-roj 1 kaj 2 de "La Interlingvisto") estas bonaj lerniloj, ĉar ili estas dulingve presitaj.

(La lasta parto de la artikolo sekvas en "I.Ĵ." n-ro 3)

Red.noto: Pro preterlaso de la pres-teknikisto la nomo de la aŭtoro - Canko Murgin komence de la artikolo ne aperis. Ni petas pardonon de nia kolego Murgin.

---

## 100 jaroj de Esperanto-kulturo

Pri la interesa internacia aranĝo "100 jaroj de Esperanto-kulturo" skribas en sia ĉefartikolo (en "Tempo" - informilo de Kroatia Esperanto-Ligo) la prezidantino de la Organiza Komitato D-ro Neda Andraĉ, kies foto same gaje ridetas sur la sama 3-paĝo de n-ro 30. Pri la varia kultura aranĝo sur paĝo 7 inter aliaj aranĝoj sub rubriko "Scienco" oni anoncas ankaŭ pri "Internacia Scienca Simpozio", kies temo estas "Problemoj de komunikado en internaciaj organizaĵoj". En ĝi partoprenos kelkdeko da fakuloj kaj aparte reprezentantoj de UNO kaj UNESKO. La celo estas pritrakti la nunan nekonvenan lingvan situacion en internaciaj organizaĵoj kun serĉo de alternativaj solvoj inter kiuj estas ankaŭ la enkonduko de Esperanto. La simpozion kunorganizas KEL kaj la Instituto por Evolulandoj en Zagrebo.

Do - la temo kaj la simpozio mem estas interesaj ankaŭ por la ĵurnalistoj, speciale esperantistaj kaj membroj de TEĴA. Do - nia Asocio devas nepre partopreni la Internacian Sciencan Simpozion en Zagrebo. En la jarkunveno de TEĴA en Pollando oni devas elekti delegitojn.

**Bernard GOLDEN**

**libera tribuno**

## Pli da informoj pri la kalumnio de Chaloupecký kontraŭ Zamenhof

### La represita letero

En Internacia Ĵurnalisto (1/1987, pĝ.6) estis represita artikolo titolita "Plia sceno el la tragedio de la Zamenhova vivo". Estas klarigite, ke sub tiu titolo la bulteno de la Internacia Esperanto-Muzeo en Vieno en n-ro 144-1986 publikigis novetrovitan leteron de L.L.Zamenhof. Post la teksto de la letero estas noto verkita de anonima aŭtoro, kiu asertas, ke "laŭŝajne temas pri nekonata letero", kiu "restis ĝis nun sen publikigo". En tiu ĉi artikolo mi deziras prezenti pli precizajn informojn pri tiu letero kaj aldoni sciigojn pri ĝia enhavo.

Unue, la letero jam estis publikigita antaŭ 1986. Ĝi troviĝas en Plena Verkaro de Zamenhof (PVZ) sur paĝoj 393-394 de volumo 9, kiu havas la eldondaton 1981. En la teksto de la letero en IĴ mankas indikoj pri la adresato kaj la dato, kiam Zamenhof skribis ĝin. Tio okazis la 23an de aprilo 1914, kaj la ricevinto de la letero estis Emanuel Kubásek. La letero temas pri ĉeĥlingva artikolo, kiun Kubásek sendis al la aŭtoro de Esperanto kune kun traduko. La verkinto de tiu artikolo, "Pri la historio de la Delegitaro", estis iu Chaloupecký, kaj ĝi aperis en la ĉeĥa gazeto Národní obzor (Nacia horizonto), en la rubriko "Světová řeč" (Mondlingvo) la 3an de marto 1914. (Tiutempe Národní obzor estis unu el pluraj ĉeĥaj ĵurnaloj, kiuj enhavis Esperanto-rubrikon.) En sia artikolo Chaloupecký akuzis Zamenhof pri akcepto de donaco de "frankoj" por fari reformojn en Esperanto. Zamenhof reagis per la sekvaj vortoj: "Kun granda indigno mi legis tiun malhonestan kaj mensogplenan artikolon. Mi ĥontas nun, ke tiun personon, kiel Chaloupec-

ký, ni nomis iam nia samideano." Zamenhof aldonis, ke li ne intencas respondi kontraŭ la mensogoj de Chalopecký, kies celo estas senkreditigi Esperanton.

Kiu estis Chalopecký?

Jiři František Chaloupecký (1890-1922) estis ĉeĥa esperantisto, kiu en 1911 fondis Laboristan Unuiĝon Esperantistan kiel fakon de la socialdemokrata kleriga Laborista Akademio. En 1912 li komencis publikigi en Prago monatan klasbatalan propagandan gazeton titolitan La kulturo. Chaloupecký fondis sian propran organizaĵon kaj organon, ĉar en la jaroj antaŭ la unua mondmilito okazis konfliktoj inter ĉeĥaj esperantistoj, kiam du rivalaj organizaĵoj kverelis inter si. Sed en junio 1913 estiĝis lingvoskismo en la organizaĵo de Chaloupecký. Li kun parto de la membroj fariĝis adepto de Ido kaj formis apartan idistan organizaĵon - Laborista Ligo Internacia.

Chaloupecký montris sian polemikemon jam frue en 1914, kiam li kritikis la rivalecon inter la du ĉeĥaj Esperanto-organizaĵoj sur la paĝoj de Národní obzor.

La donaco de "frankoj"

Ni nun ekzamenu la demandon pri la donaco de "frankoj" por enkonduko de reformoj en Esperanton. Okaze de la dua universala kongreso en 1906 en Ĝenevo, d-ro Émile Javal (1839-1907) el Francio kaj Majoro Charles Lemaire (1843-1926) el Belgio, en privataj konversacioj, konsilis al Zamenhof, ke li faru decidon pri reformoj en Esperanto. Zamenhof promesis esplori la demandon. Javal proponis donaci gravan monan subtenon, kiu liberigos Zamenhof de liaj financaj zorgoj. En septembro samjare Javal perletere informis Zamenhov, ke li intencas transpagi la "frankojn" al Majoro Lemaire. En sia letero al Lemaire, Javal skribis, ke la celo de tiu donaco estas "doni al D-ro Zamenhof la eblon enkonduki en sian lingvon la modifojn, kiujn li opinios necesaj por faciligi ties eklernon..." En sia respondo al Javal, Zamnehof montris hezitemon pri akcepto de la propono per jenaj vortoj: "... mi tre timas, ke tiam mi perdos tion, kio estas por mi la plej kara kaj plej necesa

- mian moralan sendependecon." Li promesis doni definitivan respondon okaze de renkontiĝo kun Lamaire kaj Javal en Bruselo en oktobro.. Ĉe la fino de tiu letero Zamenhof firmigas sian starpunkton.

"... sed forĵeti mian medicinan praktikon, kiu nun donas al mi panon tute sufiĉan, sendependan, garantiitan kaj honoran, kaj akcepti anstataŭ ĝi ion alian mi povos nur en tia okazo, se tiu ĉi alia garantios al mi ankaŭ panon sendependan kaj honoran, ne havos karakteron de almozo kaj neniam devigos min agi kontraŭ miaj personaj konvinkoj kaj fari en Esperanto ion, kion mi persone opinias malbona por Esperanto."

Kiam Javal konstatis, ke Zamenhof estas necedema rilate reformojn en Esperanto, li mem komencis uzi alfabeton sen supersignoj. Ankaŭ Majoro Lemaire adoptis ĝin. En 1907 Javal mortis. Kio, do, okazis al la granda mondonaco? Nek Javal nek Lemaire atendis, ke Zamenhof rifuzos ilian proponon, do antaŭ la alveno de Zamenhof en Bruselo en oktobro 1906 la monsumo estis pretigita. En letero sendita al Generalo Sebert la 19an de novembro 1907, Zamenhof donas pli da detaloj. La tuta sumo, kiu estis proponita estis 250,000 frankoj; Javal kontribuis 200,000 kaj Lemaire 50,000. Zamenhof konjektis, ke Javal pagis sian monon, aŭ almenaŭ parton el ĝi, al Lemaire, kaj tiu ĉi transdonis (aŭ almenaŭ promesas) la monon al Louis Couturat, la aŭtoro de Ido, por ke la Delegacio por alpreno de Lingvo Internacia batalu kontraŭ Esperanto. Laŭ Zamenhof, tio ne devas maltrankviligi la esperantistojn.

"Sed tio ĉi tute ne devas nin timigi, ĉar per m o n o oni ne povas nin venki. Se ni tenos nin forte kaj fidele, tiam nenia mono povos ion fari kontraŭ ni. La esperantistaro estas nun tro granda, por ke kelkaj aĉetitaj personoj povu multe fari."

Per tiuj vortoj en sia letero skribita en 1907, Zamenhof efike kaj klare defendis sin kontraŭ la kolumnio disvastigita de Chaloupecký sep jarojn poste en la artikolo, kiu aperis en

1914. Ne estis Zamenhof, kiu avidis "rondajn luidorojn kaj frankojn", sed la "aĉetitaj personoj", kiuj gvidis la Ido-movadon.

---

VERKATAJ... ELDONATAJ... DISVENDATAJ

(Daŭrigo de n-ro 1 de "I.Ĵ.")

Certe gravas la propono de N. Danovskij, ĉiu E-klubo (societo) devas havi bibliotekon. Tio premisas, ke ili havu ne nur havigeblon, t.s. vendejon aŭ alian aĉetolokon, sed ankaŭ sufiĉe da mono kaj klubejon. Probable mil kluboj/societoj tion havas, kaj plenumo de ĉi propono estus grava paŝo antaŭen.

La dua tasko devus esti: pli grandaj kluboj/societoj organizu sian libroservon, de kie ĉiu esperantisto povu aĉeti libron por sia hejma biblioteko, de kie oni akiru bonegan donacon al samideano okaze de ties jubileo aŭ naskiĝdatreveno. (La jara vendosumo de la libroservo de nia klubo estas proksimume mil levoj). Fariĝu nia bona kutimo gratuli niajn jubileantojn ne nur per floro, sed ankaŭ per E-libro, laŭeble verkita en Esperanto. Fonto de monrimedoj por tia libroservo povus esti interna "kooperativo" de la klubo. Paralele kun tio bezonatas interna eduka laboro por kreskigi legemon de esperantistoj, ilian libroŝaton. Tion oni povas atingi per klubaj literaturaj rondoj, organizado de literaturaj vesperoj por konatigi verkistojn kaj iliajn verkojn, unuavice originalajn E-verkistojn kaj verkojn. Antaŭ jardekoj la societo-antaŭulo de nia nuna klubo havis tradicion festi en decembro la Zamenhof-tagon sub la nomo de librotago. Tiufoje ĉiu membro de la societo havis devon aĉeti almenaŭ unu E-libron. Valutajn barierojn embarasantajn la orientan libromerkaton oni povas superi per pli vasta "interŝanĝo de la kulturoj" - eldonaĵoj kontraŭ eldonaĵoj.

Ĉi tiuj kelkaj miaj sugestoj - certe oni povas trovi aldonajn - helpos iom post iom krei pli favorajn kondiĉojn por pli vigla evoluo de E-literaturo, sekve ankaŭ de E-kulturo.

Kaj laste - pri kluba "revuo", kiu ja povas esti tajpita, en pli bona okazo multobligita. Por fariĝi verkisto aŭ poeto - eĉ en la plej modesta kompreno de la vortoj - bezonatas multa pacienca laboro, kaj legado kaj

ekzercado. Oni devas fariĝi majstro, per tio ankaŭ mastro de la lingvo kaj stilo. La samon postulas la tradukado. Dume mankas en Eŭropo aperanta literatura revuo, kvankam ege necesa kiel edukilo porliteratura kulturo, sed ankaŭ tribuno de junaj poetoj-verkistoj. Ni devas krei kondiĉojn por ke ĝi povu iam ekaperi kaj fariĝi grava faktoro de la esperanta kulturo. La unuaj paŝoj por tio povas esti klubaj "revuoj", ĉar pli prudente estas verki por kelkaj aŭ deko(j) da legantoj ol por eterne silenta tirkesto

Akceptante la jubilean jaron de nia movado ni pripensu ankaŭ ĉi tiun problemon kaj ekagu!

N.LAANOJA

---

TRA LA E-AMASKOMUNIKILOJ

ĈU UN-o PAROLAS SERIOZE?

La "Monata letero" - malgranda E-gazeto, aperanta en Bogoto, Kolombio, Sud-Afriko (n-ro septembro 1986), sub la supra titolo "Ĉu UN-o parolas serioze?" s-ro L.J.Morales - direktoro, skribas pri la organizo de Unuiĝintaj Nacioj, ke ĝi "...spertas ĉimomente sian ĝis nun plej malbonan financan krizon, interalie, kaŭze de la astronomie altaj elspezoj por tradukado, interpretado kaj multlingva presado... Nekalkuleblaj kvantoj de papero, inko kaj laboro ĉiutage dediĉitaj nur al la tradukado de novaj rezolucioj el la 6 laboraj lingvoj en la minoritatajn..."

Vere, tiel estas. Oni devas surpaperigi ĉiun paroladon en la originala lingvo, poste traduki ilin en la oficialajn kaj neoficialajn. Krom tio - tradukado de la paroloj en pluraj lingvoj... "Multaj tradukistoj, interpretistoj, altaj salajroj, pagado de riparado de maŝinoj ktp. Sed se UN-o akceptus kaj aplikus la rezolucion de UNESKO aprobita pasintjare en Sofio, Bulgario... ĝiaj financaj problemoj konsiderinde malpliiĝus..." - konkludas s-ro Morales. Ĉiu esperantisto aprobas la argumentojn kaj la konkludojn de s-ro Morales. Tion faras ankaŭ en la sveda "La es-

pero", n-ro 1/1987, la simpatie ridanta en ĉiu numero prezidantino de Sveda E-Asocio Karin Lindquist, kiu ankaŭ demandas kaj rekomendas al UN: "La ekonomia situacio de UN estas tia, ke ili baldaŭ devas pripensi ŝparplanon, kaj kio estas la plej efika ol enkonduki esperanton anstataŭ la multaj laborlingvoj?"

Do, nepre aplikante la sciencteknikajn rimedojn kaj Esperanton en paca mondo ne nur UN gajnos, sed ankaŭ la homaro ĥavos la eblecon ekvivi trankvile en scienca kaj ekonomia progreso.

En "Esperanto Finlanda" - organo de E-Asocio de alia skandinavia lando, n-ro 1/1987, magistro Jukka Laaksone - same ridetante sur la unua paĝo, sur la tria paĝo sub la titolo "La nova prezidanto parolas al la membraro" skribas modeste:

"... Kio estas la celo de EAF? Laŭ mia opinio tio estas montri al ne-esperantsitoj, ke la lingvo komencita de doktoro Zamenhof estas utila kaj uzebla, ke ĝi havas sian lokon inter la aliaj lingvoj. Ni ne fieru, ĉar niaj ĝisnunaj atingoj ne rajtigas nin je tio. Ni ne reklamu la lingvon de la mondo, ĉar antaŭ ĉiuj homoj ni ne povas pruvi tion kaj cetere ĉiu taksas sian aferon plej alte. Sed ni ankaŭ ne estu modestaj nek kaŝu nin en nia rondo..."

Jes, bone skribas la nova prezidanto de EAF. Propagandante la utilecon de nia internacia lingvo ni ne devas fanfaroni. Sed la celo de EAF estas ankaŭ kaj samtempe, per sia agado kaj sia organo "Esperanto Finnlanda", labori por la amasigo kaj plifortigo de la Esperanto-Asocio de Finnlando. Forta kaj amasa E-Asocio ricevos pli fruktodonajn rezultojn en sia propagando de Esperanto!

Iv.Es.

---

MONDA TRADUKADO

Laŭ periodaĵo de Unesko "Unesko speciala", n-ro 2 (1987), la plej multfoje tradukitaj verkoj estas de: Lenin (370-foje), Agata Kraisti (Agatha CHristie, 216) kaj Uolt Dizni (Walt Disney, 203). Sekvas la Biblio (216)

El la 55 landoj, kiuj kunlaboris en la statistikado, Sovetunio tradukis plej multe (7171 titoloj). Sekvas Hispanio (6361), F.R.Germanio (4904), Francio (2794) kaj Japanio (2754) titolojn.

# POEZIO

Iven Franko

## ŜTONISTOJ

Mi vidis strangan sonĝon. Etendiĝis kvazaŭ
Sen lim' dezerta sovaĝejo antaŭ mi,
Kaj staras mi, per fera ĉeno al la bazo
De alta rok' granita katenite-braze,
Kaj foren aras samaj kiel mi... Multmil'!

Sur ĉies frunto vivo kaj malĝoj' sulkiĝis,
Okuloj ĉies ardas per la flam' de am'.
Al ĉies brakoj ĉenoj serpentiĝis
Kaj ŝultroj pro laciĝo ĝis la ter' kliniĝis,
Ĉar premas ĉiujn pez-ŝarĝilo de la sam'.

Kaj ĉiu havas fer-martelon en la manoj.
De supro forta voĉ' kripelas torndre nin:
- "Frakasu l'rokon! Nek malsato, nek malsano,
Varmeg' aŭ frost' haltigu vin! Ĉar span-post-spano
Dis bati l'ŝtonan rokon - via vivdestin'!"

Kaj tuje ĉiuj ni, armitaj per marteloj,
Ekfrapis rokon. Kaj leviĝis super ter'
Laŭtego. Mildirekten ŝprucis ŝton-diseloj
Sub fort' de fer'. Kaj ni kun ĝemo kaj anhelo
Martelis plu en senelir' kaj senesper'.

Al sangbatala tondr', aŭ muĝ' de akvofalo
Similis nia brue brua martelad',
Kaj paŝ-post-paŝe ni sen halt' grandskale
La rokon ronĝis, malgraŭ kripl-fatalo
Sort' estis de ne unu nia kamarad'.

Kaj bone sciis ĉiuj ni, ke ne akiros gloron,
Nek pro la sang-labor' - memoron de l'popol',
Kaj vojon nian homoj paŝos nur la horon,
Post kiam tajlos ni, fininte la traboron...
Sub ĝi do putros niaj ostoj sen konsol'.

La homan gloron ni ne strebis tute,
Ĉar ne heroojkavaliroj estis ni,
Ni katenite agis, sed mem-vol-servute,
Ni sklavoj de libero iĝis laŭkondute -
Ŝtonistoj nur sur vojo de prosper-lini'.

Ni ĉiuj kredis, ke per propraj brakaj fortoj
Frakasos tiun rokon de granita ŝton',
Kaj ni per sang' kaj ostoj de l'kohorto
Akiros hardan frandon por la homa sorto.
Nin sekvos nova viv' de l'mond' kaj nova bon'.

Kaj sciis ni, ke en la lokoj malproksimaj,
De ni lasitaj por laboro, ŝvit' kaj lig',
Edzinoj larmas, panjoj, infanaj' senlime,

Amikoj, malamikoj faron malestime
Malbenas nian, nian firmon de silik'.

Ni sciis tion, kaj en ni anim' doloris,
Impetis koro, bruston premis plor-angor'.
Sed ne angor'-dolor', la larmoj korpon brogis
Malbenoj al la far' ne malfavoris,
Neniu lasis el la man' martelon for.

Ni iras kunforĝite - aro monolita
Sub sankt-ide', en manoj kun martel'...
Ni estu malbenitaj, monde forgesitaj,
Sed vero paŝos laŭ la rekta voj' hakita.
Sur niaj ostoj vojos ĉies feliĉ-hel'!

Traduko de N.F.Danovskij

---

## "ĈIO" KAJ "FORTO"

Sub tiu titolo "Budapeŝta Informilo" aperigas en n-ro 4, aprilo 1987 artikolon de D-ro I.Nagy pri gravaj esperantistaj problemoj - kiel propagandi Esperanton kaj per kiaj rimedoj kaj argumentoj. Ni publikigas parton de la artikolo.

"I.J."

Kio mankas ankoraŭ? Kompreneble ĉe la nunaj cirkonstancoj kaj ebloj. Mi ofte aŭdis, ke la gazetaro estas potenco kaj antaŭ nelonge mi legis (MONATO 1/87),ke "la ĵurnalistaro estas kvara potenco". Sed niatempe ekzistas jam la kvina kaj sesa potenco: radiofonio, televido. La pli rapida disvastigo kaj la informiteco pri Esperanto povos okazi nur per la amaskomunikiloj. Tamen leviĝas la demando koncerne la kvaran potencon, la gazetaron, se estus eblo, ĉu la esperantistoj

estus kapablaj ĉiusemajne kolekti tiom da novaĵoj pri la tutmonda movado, kiuj interesus la legantaron de iu signifa nacia gazeto, en kiu ajn lando, kaj tion sisteme kompili, redakti, ĉar se ne: prefere atendi. Cetere pri tio jam temis ĉe ni en la pasintaj tridek jaroj, sed ne realiĝis.

La kaŭzo? Nia gazetaro kiel novaĵ-fontoj, nur transprenas la novaĵojn unu de alia, kiuj la neesperantistojn ne tro interesas. Sed estas alia vojo,alia eblo: informi la publikon pri la lingvo Esperanto, rezultoj, aŭ laŭteme: Esperanto kiel bazlingvo, literaturo, tradukoj, kongresoj, Esperanto-organizaĵoj, instruado, rekono de Esperanto fare de internaciaj organizaĵoj, Zamenhof, Esperanto-kanzonoj, krome intervjuoj, dialogoj ktp. Bedaŭrinde veras: kion la amaskomunikiloj prisilentas, tio ne ekzistas.

Ni parolas pri venko, pri fina venko, eĉ kelkaj diras, ke Esperanto jam venkis. Ke ĝi vivas post cent jaroj, tio vere estas venko, ĉar dumtempe ĉ.mil "projektoj" malaperis, fiaskis, mortis tirkeste aŭ nur vegetadas. Do, ni ne forgesu: Esperanto venkis, sed ne la aliajn lingvojn, kiujn ĝi neniam venkos, sed la ĉ.mil artefaritajn kaj planlingvojn, lingvoprojektojn. Ĉu tio estas neniaĵo? Ja, tiuj estas la "konkurantoj" kaj ne la naciaj lingvoj kaj tute ne la t.n. mondlingvoj.

Por fini la babiladon: kion fari? Samtempe ne ĉion, ĉar al tio ni ne havas forton. - Ne perdi tiujn terenojn, kiujn ni jam akiris. "Pli facile estas konkeri novan terenon por Esperanto ol reakiri pro nia kulpo la perditan". Oni ne volonte kredas al ni ankaŭ la duan fojon.

D-ro I.Nagy

---

GRAVA INFORMO PRI GAZETO "LA DERNIERE HEURE"

En "I.Ĵ.",n-ro 3, p.17 ni anoncis pri la esperantaj materialoj - artikoloj k.a., aperintaj en Bruxelle (Belgio) en la gazeto "Derniere Heure",de nia kolego G.Pirlot. Nun ni publik-

igas parton de la aperintaj titoloj, kiujn la interesiĝantaj kolegoj povus ricevi mendante ilin rekte al kolego: Germain Pirlot, residentie "Vaughan", Kemmelbergstr. 5/B.3, B-8400 Oostende, Belgio.

Sube sekvas parto de la titoloj. En sekvaj n-roj de "I.Ĵ." ni aperigos aliajn titolojn.

72. 12.12.85. TEJO - Organisation mondiale de jeunesse espérantiste

73. 11.01.86. L' UNESKO renouvelle sa konfiance à l'esperanto

74. 12.02.86. L'Académie internationale des Sciences San Marino entame ses travaux

75. 10.03.86. Mouvement espérantiste pour la paix mondiale

76. 11.04.86. Un vent de réalisme sur les milieux espérantistes?

77. 10.05.86. Oasis espérantistes dans les pays arabes

78. 12.06.86. L'ensignement est-il bien adapté?

79. 22.07.86. Des Yougoslaves à Namur: "Estas super"

80. 12.08.86. Enseignants à Louvain-la-Neuve

81. 15.09.86. La progression s'accélère

82. 08.10.86. Retour de Pékin

83. 14.11.86. L'Europe en espéranto à Pékin

## Ankoraŭ pri la statuto de TEĴA

Mi preferas, ke TEĴA ne estu Asocio, sed Federacio, t.e.TEĴ-federacio.

La landa ĵurnalista kolektivo estu Grupo- se kvante estas ne pli ol 10 anoj, Ligo - se ne pli ol 100 anoj kaj Asocio - se estas pli ol 100 anoj.

Tio donos impulson al ĉiu nacia kolektivo strebi al transiro al Ligo kaj al Asocio. TEĴA akceptu reprezentantojn kiel de apartaj anoj, tiel ankaŭ de Grupoj, Ligoj kaj Asocioj. En landoj, kie estas malmultaj E-ĵurnalistoj, ili membru rekte al TEĴA-Centra Estraro.

Se en grandaj multrespublikaj landoj estas multaj ĵurnalistoj - organizitaj en grupoj kaj ligoj, ili formos Asocion kun Centra Estraro.

Urbaj E-ĵurnalistaj kolektivoj kun malpli ol 10 anoj povas esti Grupoj, kaj kun pli ol 10 anoj - ili formas Sekciojn.

Kiam TEĴA havos eblecojn, se necese kaj eble, ĝi establigu Servojn: gazetaran, bibliotekan, klub-revuan, kolektantan, turistan, tradukan, Fo-ki-mo servon k.a.

La jarkotizo inkluzive la abonkotizo al "IĴ" estas 2,5 dolaroj (2,5 levoj bulgaraj) kaj egalvalore por aliaj landoj. Se "IĴ" aperos 6-foje jare ĝi kostos 6 dolarojn (6 levojn) aŭ egalvalore.

N. Danovskij

# RICEVITAJ ESPERANTAĴOJ

Mia verda pado - eseoj kaj rakontoj de kolego Ĥristo Gorov - prezidanto de Bulgara Esperantista Asocio. Paĝoj 184, titolpaĝoj, bele pentritaj de Maja Gorova. Eldonita laŭ decido de CE de BEA, ofsetpresejo de BEA, prezo 0,90 lv.

Estona panoramo - Soveta Estonio en 1986. Enhavo: la lando kaj la homoj, la pasinteco kaj la estonteco, la homoj kaj eventoj, ciferoj kaj faktoj. 144-paĝoj kolore ilustritaj, aparte ilustritaj kovriloj. Kompilis Ivar Simenitis, eldonejo "Periodika", prezo 0,70 rubloj. Tradukis: A.Aitai, V.Hromov, A.Leis, J.Ojalo, E.Ojsald kaj K.Pill. USSR, Estona SSR, 200101 Tallin.

Teatro sen lingva bariero - travivitaj memoroj de Belka Beleva. Recenzis prof. St. Ĝuĝev kaj K.Vâlev, eldonis Bulgara E-Asocio, 128-paĝa kun kelkaj ilustraĵoj. Prezo 0,95 lv.

---